# Latgala lingvo

La **latgala lingvo** (*Latgalīšu volūda*), estas lingvo el la balta lingvaro parolata precipe en Latgalio, unu el la historiaj regionoj de Latvio, en la oriento de la lando. Iuj parolantoj de la lingvo ankaŭ situas en la regionoj Selonio, iom pli okcidente, kaj *Vidzeme*, la latva parto de la historia regiono Livonio, pli norde, kaj aldone, pro la deportado de baltianoj en la stalinisma epoko, unuopuloj en Siberio kaj Baŝkirio. El lingva vidpunkto, la latgala lingvo konservis multe pli da arkaikaj elementoj ol la latva lingvo. La lingvon ankoraŭ parolas proksimume 150 000 homoj, sed la nombro de parolantoj konstante malkreskas favore al la nacia lingvo, la latva. Unesko tial konsideras la latgalan vundeblan lingvon.[1]

| latgala | |
|---|---|
| ***Latgalīšu volūda*** | |
| **Parolata en** | Latgalio (regiono de Latvio) |
| **Parolantoj** | 200 000 |
| **Denaskaj parolantoj** | 150 000 |
| **Skribo** | Latina alfabeto |
| **Lingva statuso** | 2 vundebla |
| **Lingvaj kodoj** | |
| **Lingvaj kodoj** | |
| **ISO 639-2** | ltg |
| **ISO 639-3** | ltg |
| **SIL** | LTG (http://www.sil.org/iso639-3/documentation.asp?id=ltg) |
| **Glottolog** | east2282 |
| **Angla nomo** | Latgalian |
| **Franca nomo** | latgalien |
| **Vikipedio** | |

Ekzistas vikipedio en la latgala lingvo, kiu komence de februaro 2012 havis iom pli ol 600 artikoloj.

## Notoj

1. ↑ interaktiva mapo de UNESKO pri la mondaj danĝeriĝintaj lingvoj (angle, (http://www.unesco.org/culture/languages-atlas/en/atlasmap/language-id-376.html) france (http://www.unesco.org/culture/languages-atlas/fr/atlasmap/language-id-376.html) kaj hispane) (http://www.unesco.org/culture/languages-atlas/es/atlasmap/language-id-376.html)